„Mutig vorwärts!“

# Aŭstria Esperantisto

„Kuraĝe antaŭen!“

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.

3a jaro. No. 10 Monata Oktobro 1926

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto ĉe poŝtŝparkaso aŭstria n-ro D-123.826.

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.20, germanlandanoj RM 3.—, alilandanoj sv. fr. 4.—; ponumere: por enlandanoj 40 aŭ. g., eksterl. 50 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Aus aller Welt.

### Einige Stimmen über Esperanto.

(Auf eine Rundfrage von A. E.)

**Wilhelm Miklas, Präsident d. österr. Nationalrates:**

„Ich begrüße alles, was der Völkerverständigung dient. Hiezu ist eine allen Kulturnationen leicht verständliche und leicht erlernbare Hilfssprache zweifellos ein sehr geeignetes Mittel.

Wenn Esperanto diese Verständigungssprache ist — und ich halte es dafür geeignet — und wenn es dem edlen Zwecke dient, daß sich die Völker wieder geistig verstehen und in friedlicher Arbeit zusammenfinden, ist es mir herzlich willkommen.

In diesem Sinne wünsche ich dem Esperanto größtmögliche Verbreitung und Aufstieg zur allgemeinen Weltverkehrssprache.“

**Otto Glöckel, geschäftsführender Präsident des Stadtschulrates für Wien, Nationalrat:**

„Mit der internationalen Sprache geht es genau so, wie mit der Einheitsstenographie. Die leichte Erlernbarkeit, die wissenschaftliche Grundlage, die Gefälligkeit sind wohl ganz außerordentlich wichtige Maßstäbe für die Beurteilung der Gediegenheit eines Systems; das Entscheidende aber ist, ob Aussicht vorhanden ist, daß Sprache und Schrift Gemeingut der gebildeten Menschen aller Nationen werden. Das beste System im Besitze einer verschwindenden Minderheit ist zur Unfruchtbarkeit verdammt, da es das Wesen der Sache nicht trifft. Der Wiener Stadtschulrat hat der Einheitsstenographie die Wege in seinem Wirkungskreise geebnet, er hat auch die Anregung zur Errichtung einer staatlichen Prüfungskommission für Esperanto gegeben, der vom Unterrichtsministerium entsprochen wurde; er hat damit bewiesen, daß er die Zeichen der Zeit zu beachten weiß.“

**Josef Tomschik, Nationalrat:**

„. . . teile Ihnen mit, daß ich sehr dafür bin, daß die Eisenbahner Esperanto lernen und werde ich Ihre Bestrebungen in dieser Richtung stets fördern.“

**Dr. Josef Maschat, Generaldirektor der österreichischen Bundesbahnen:**

„Ich verfolge seit Jahren die Entwicklungsgeschichte des Esperanto und bin von den Erfolgen, die dasselbe nahezu in allen Kulturstaaten davongetragen hat, überaus befriedigt. Gerade für den im ausübenden Dienst stehenden Eisenbahner scheint mir die Kenntnis dieser Sprache um so empfehlenswerter, als er, wie nicht sobald die Vertreter anderer Berufszweige, mit den Angehörigen fremder Nationen in Berührung tritt, wobei die Kenntnis einer Einheitssprache ihm sehr zustatten kommen muß. Dies setzt natürlich voraus, daß das Esperanto tatsächlich in weiteste Kreise Eingang findet.

Ich, für meine Person, glaube an die Zukunft des Esperanto und bin überzeugt, daß es verfehlt wäre, dieser Bewegung, die es sich zur zweifellos rühmenswerten Aufgabe macht, die Menschen einander näher zu bringen, entgegenzutreten.“

---

### Radio-Wien's Werbearbeit für Österreich.

Die „Ravag“ erhielt eine Postkarte mit folgendem Wortlaut:

„Ich habe soeben Ihren heutigen Vortrag in Esperanto gehört. Ich beglückwünsche Sie zu Ihrem Beschlusse (betr. Esperanto-Werbung f. Österreich. Anm. d. Schriftleitung.) und zu dem ganz außerordentlich guten Vortragenden, bei dessen Aussprache auch nicht ein Wort verloren geht. Wenn ich als Deutscher Ihre Esperantodarbietungen begrüße, so geschieht dies aus der Überzeugung, daß viele Menschen sich Ihre Vorträge über Österreich anhören werden, eben weil der Vortrag in Esperanto gegeben wird und daß dadurch für unser gemeinsames Land eine gute Propaganda gemacht wird.

Ich werde jeden hören!
An die Zeitung gebe ich einen Bericht.

R. b. Dresden, 2. Oktober 1926.

W. Raust.“

## La ekzercanto. — Der Übende.

Dr. Blaas-Innsbruck.

(El parolado de E. Privat dum la unua E.-kongreso 1905; „Detala raporto de p. Schneeberger“.)

Estimataj gesamideanoj!

Pardonu, ke mi nun ekparolas, sed tion mi ne povis antaŭe fari, ĉar mi scias, ke francaj reguloj de bonmaniereco malpermesas, ke infanoj parolu ĉe l' tablo. Permesu do, ke mi plenumu tri devojn: 1e, mi devas danki kaj gratuli ĉiujn organizintojn de tiu kongreso je l' nomo de miaj ĝenevaj kunfratoj, kiuj min tien ĉi delegis. 2e mi volas tutkore saluti d-ron Zamenhof kaj vin ĉiujn ĉeestantojn en tiu ĉi bela festo je la nomo de l' tutmonda esperantista junularo, kies mi tie ĉi estas humila reprezentanto. Kaj jen mia tria devo: Permesu, ke la plej juna el viaj parolantoj alportu al vi la korajn kaj fervorajn salutojn de la plej maljuna el ĉiuj esperantistoj; mi volas nomi naŭdekjaran eminentan filozofon, s-ron Ernest Naville, la unuan scienculon, kiu publike aliĝis al nia lingvo. . . . (Privat pli detale aludas la gravecon de tiu aliĝo kaj poste ekmalĝojas, ke multaj favoruloj ne povis viziti la unuan kongreson. Verve li parolas pri la forrestintoj, kiuj fantazie travivas la belan feston sopirante, esperante; ŝajnas al li, kvazaŭ ili spirite supreniras la lastan rokon de l' montoj kaj ili ekkrias aŭdante la multoblan eĥon: „Excelsior! Vivu Esperanto!“ Jen liaj postaj paroloj): Ŝajnas al mi, kvazaŭ mi ilin vidas ĉiujn karajn fratojn, tro malriĉajn por tien ĉi vojaĝi, tiujn esperantistojn, kiuj eble dum multaj monatoj ŝparis moneron post monero, sed ne povis tamen atingi sufiĉan sumon por plenumi sian plej karan deziron: veturi Bulonjon! Hodiaŭ eble, je tiu ĉi horo, en la plej diversaj lokoj de la mondo, en ĉiuj siaj urboj aŭ urbetoj, ili kuniĝis eble en sia modesta grupejo, en ia ĉambreto de kafejo, kaj tie sidante ĉirkaŭ la tablo, malgajaj, silentemaj, sed plenaj je espero, ili pensas al ni; ili kuniĝis por kune pensadi pri la malproksima kongreso . . . . .

(Aus einer Rede E. Privats während der ersten E.-Tagung 1905. „Ausführlicher Bericht P. Schneebergers.“)

Verehrte Gesinnungsfreunde!

Verzeihen Sie, daß ich jetzt das Wort ergreife; jedoch konnte ich dies früher nicht tun, weiß ich doch, daß französische Regeln der Wohlanständigkeit (es) verbieten, daß Kinder bei Tische reden. Gestatten Sie also, daß ich drei Pflichten erfülle: erstens muß ich alle Veranstalter dieses Kongresses im Namen meiner Genfer Mitbrüder, die mich hierher entsandten, bedanken und beglückwünschen. Zweitens will ich Doktor Zamenhof und Sie alle bei diesem schönen Feste hier Anwesenden von ganzem Herzen begrüßen im Namen der esperantistischen Jungmannschaft der ganzen Welt, deren bescheidener Vertreter ich hier bin. Und nun meine dritte Verpflichtung: Erlauben Sie, daß der jüngste Ihrer Redner die herzlichen und eifrigen Grüße des ältesten aller Esperantisten überbringe; ich will Herrn Ernst Naville, den neunzigjährigen bedeutenden Philosophen nennen, den ersten Gelehrten, der sich öffentlich unserer Sprache anschloß . . . (Privat geht genauer auf die Wichtigkeit dieses Beitrittes ein und wird dann betrübt, daß viele Förderer unserer Sache die erste Tagung nicht besuchen konnten. Schwungvoll spricht er von den Ferngebliebenen, die im Geiste das schöne Fest erleben, in Sehnsucht, in Hoffen. Es kommt ihm vor, als stiegen sie in ihrem Geiste auf den letzten Fels der Berge empor und riefen aus, das vielfache Echo vernehmend: „Excelsior! Es lebe Esperanto!“ Hier seine folgenden Worte): Es dünkt mir, als sähe ich sie alle, die teuren Brüder, zu arm, um hierher zu reisen, jene Esperantisten, die wohl während vieler Monate Münze um Münze sparten und dennoch nicht die genügende Summe erreichen konnten, um ihren liebsten Wunsch zu erfüllen: nach Bologne zu reisen! Heute vielleicht, um diese Stunde, vereinigten sie sich an den verschiedensten Orten der Welt, in all ihren Städten oder Städtchen, vielleicht in ihrem bescheidenen Gruppenheim, in irgendwelchem Kaffeehauszimmerchen, und sie denken, dort um den Tisch sitzend, trübselig, schweigsam, doch voller Hoffnung, an uns; sie haben sich versammelt, um gemeinsam der fernen Tagung zu gedenken . . . . .




# Junulmigrado en Aŭstrio.

De d-ro Richard Donin, estro de N.-Österr. Landesjugendamt-Wien.

La partopreno de la aŭstria junularo je migrado ĝojige kreskas, des pli ĉar ankaŭ la lernejoj ĉiam pli aprobante la valoron de l' migrado subtenas ĝin per bone aranĝataj migradoj de la lernejanaro. La ĝusta junulmigrado nur komencas, se kuniĝas iom malgrandaj grupoj sub mem elektita gvidanto. Ĉi tiu estu nepre fidinda kaj estru per oferema zorgo sian grupon, kies unuopaj membroj fideme sekvas lin. Ne ĉiu estas taŭga kiel tia kondukanto kaj la oficejoj por junularaferoj (Jugendämter) en la unuopaj liglandoj nur tiam donas kondukantlegitimacion, post kiam ili konvinkiĝis per atesto de lernejo aŭ per ekzameno kaj bone kondukitaj provmigradoj pri la kapablecoj de l' kondukanto. Ĝusta migrado devas ankaŭ esti ĝustatempe preparata. La migradplano estu la rezultato de pli longaj interkonsiliĝoj kaj belaj migrad- kaj popolkantoj ĝojigu je tiuj okazoj la aliularon.

Por malgrandaj migradgrupoj la multnombraj, plejofte nur dekduon da litoj enhavantaj migrantejoj estas destinataj, dum la noktloĝejoj kun 60 kaj pli litoj estas konsiderindaj por migradoj de lernejanaroj. Se oni rigardas la landkarton de niaj Donaŭ-valo, Antaŭalpoj aŭ de la bedaŭre tiel malmulte tramigrata (Waldviertel) arbardistrikto, oni vidos, ke la migrantejoj estas tiel dense alvicigitaj unu al la alia, ke ankaŭ dum pli longaj migradoj la noktigoj en gastejoj malnecesas. Malsuperaŭstria landa oficejo por junularaferoj mem posedas proksimume 100 ekipitajn migrantejojn, en kiuj dum la pasinta jaro okazis pli ol 6200 noktigoj. Sed ankaŭ la aliaj liglandoj jam kreis multnombrajn noktigejojn por junmigruloj — precipe Wien, Supra Aŭstrio, Stirio kaj Karintio. En Malsupra Aŭstrio ĉiuj junulhejmoj estas ankaŭ je dispono de la junmigruloj kaj prezentas krom la restado ankaŭ malmultekostajn nutradon kaj duŝbanojn. (Detalaj migrantejlistoj estas riceveblaj ĉe n.-ö. Jugendamt, Wien I. Herreng. 13.)

Ĉar la junularo migradu en ĉiu jarsezono, ankaŭ dum vintro, por konatiĝi kun la naturo en ĝia interesa beleco, tial ankaŭ la skikurado devas esti ekzercata, ĉar nur lertaj skikurantoj povas tramigradi la vintran pejzaĝon. Por tiu ĉi celo la citita oficejo aranĝas ĉiujare en siaj bele situaj surmontaraj hejmoj vintrosportajn kursojn, en kiuj jam multaj miloj da gejunuloj estis enkondukataj en la arton de l' skikurado.

La junulmigrado ankaŭ ne toleras, ke oni komprenas la migradon nur el unuflankaj vidpunktoj de la korpa kapabligo aŭ eĉ el tiu de sporta rekordo. Junulmigrado eble estas la plej ideala okupiĝo de juneca aktiveco kaj akcelado de la amo al la hejmlando, ĉar oni nur povas ami tiun hejmlandon, kiun oni konas. La junulmigrado estas ĉefe ne nur afero de korpa edukado, sed tiu de



altaj etikaj valoroj. En ĝi la knabo kaj la knabino havas okazon, fari korpajn laborojn, plivastigi la spiriton, ekhelpi siajn pli malfortajn gekamaradojn, esti — neniun ofendante — gajaj kaj ĝojaj kun gesamideanoj, lerni sin envicigi en grandan asocion kaj kune per forta volo aspiri destinitan celon, por poste novevivigita laŭ korpo kaj animo rekomenci la laboron kun impresoj, kiuj restos dum la tuta vivo.

La junularo tramigrinte la hejmlandon sub fidinda kondukado migradu ankaŭ en la vastan mondon. Tio ampleksigas la horizonton kaj alproksimigas la junularon de diversaj landoj kaj popoloj. En tiu senco „n.-ö. Landesjugendamt" jam refoje kondukigis aŭstrian junularon alilanden kaj rekompense donis al miloj da gejunuloj el Germanujo, Holando, la postaŭstriaj ŝtatoj, Svislando, Hungarujo kaj aliaj landoj en siaj hejmoj gastaman akcepton.

Rigardata el tiu ĉi vidpunkto la migrado de la junularo ne nur servas al pliprofundigo kaj plinobligo de la amo al la hejmlando, sed ankaŭ — simile al la mondhelplingvo Esperanto — al la alta ideo de la popolinterfratiĝo.

Esp.-igis Steiner.




## La finnaj fervojistoj dum sia rondvojaĝo tra Eŭropo en Aŭstrio.

Leginte en Heroldo de Esperanto, ke 3 finnaj samfakuloj intencas rondvojaĝi tra Eŭropo pro studoceloj, mi tuj disponigis min al ili. Per rapidtrajno ili alvenis (H. Salokannel, J. Kahila kaj M. Aalto) la 5-an okt. 11·35 el Varsovio en Ostbahnhof, kie ilin atendis krom mi s-anoj Frey kaj Smital. Post ilia enloĝigo en hotelo ni iris al sendstacio Ravag, antaŭ kies pordoj jam atendis nin s-anoj Balkany (Hungario), Lempert (Latvio), Olschanitzki (Rumanio) kaj Skaberne (S. H. S.). Dir. prof. Schwaiger, anstataŭante la forestantan ĝen. dir. Czeja, akceptis nin afable. La alilanduloj transdonis salutojn flanke de la radiistoj kaj radiogazetoj sialandaj, laŭdegis la bonegan programon de la Wien-a sendstacio kun la bedaŭro, ke oni en iliaj landoj plejgrandparte ne komprenas la germanan lingvon. Ili petis, ke Ravag pro la granda intereso por Aŭstrio en iliaj landoj bonvole disaŭdigu paroladojn en Esp. pri la vidindaĵoj kaj belaĵoj de nia lando. Unu ankaŭ proponis, ke Ravag aldonu al la alvoko „Hier Radio-Wien, Welle 531" ankaŭ la E.-tradukon. Dir. Schwaiger notis la deziresprimojn kaj aldonis, ke Ravag ĉiam favoris E.-on kaj laŭeble daŭrigos la favoradon per plenumo de kelkaj esprimitaj deziroj. Dir. Schwaiger ankaŭ montris persone al ni la sendstacion, kiu bonege impresis. Fine komuna fotografado antaŭ la domenirejo de Ravag. Posttagmeze ni rigardis la urbon, vespere ni ĉeestis kunsidon de „Paneŭropa Kongreso".

La 6-an matene mi venis en la hotelon por forakompani la finnojn unue al la

fervojdirekcio Südwest, kie anstataŭ la forestanta dir. d-ro Huber la estro de la trafiksekcio Oberbaurat Pascher akceptis nin afable kaj disponigis trafikkontroliston insp. Simon por akompani nin kaj montri kaj klarigi al ni la instalaĵojn de la stacio Wien-Süd. Insp. Simon kondukis nin al la staciestro ĉefinsp. Stöckl, kiu afable akceptis nin kaj petis pardonon, ke li ne ankaŭ kondukos nin. La instalaĵoj bonege impresis niajn samideanojn, ĉar ili montris al ili multon novan. Je la 10·30 ni estis akceptataj de ĝen. dir. d-ro Maschat, kiu tre interesiĝis pri diversaj fervojaj aferoj, precipe pri la spertoj faritaj en Finnlando je litvagonoj kun tria klaso. La ĝen. dir. ordonis, ke la referantoj bezonotaj estu je nia dispono. La finnoj ankaŭ sciiĝis, ke ili faras la vojaĝon per monsubteno de sia administraro, kiu precipe ilin elektis, ĉar ili scipovas E.-on, kaj esprimis sian ĝojon, ke la administraro de la aŭstriaj fervojoj estis la unua en la mondo, kiu permesis la portadon de la E.-insigno dum deĵoro. La nomo d-ro Maschat estas jam bone konata pro tio en la mondo. Ni poste vizitis Minist.-Rat Waniek, kiu persone donis la deziratajn informojn al la sinjoroj kaj petis transdoni salutojn al la ĝen. dir. Jansson de la finnaj ŝtatfervojoj, kun kiu li estis verkinta „Bern-an konvencion“ dum unu monato. Vespere la finnoj forveturis per „Westbahn“ al Innsbruck (d-ro Blaas telegrafe estis informata), por resti tie kelkajn horojn kaj poste daŭrigi sian vojaĝon al Zürich. Agrablan vojaĝon!

„Neues Wiener Tagblatt“ kaj „Volkszeitung“ afable raportis pri la afero en sufiĉe longaj artikoletoj.

Ĉefinspektoro Steiner-Wien.

---

**VI-a intern. kongreso de l' kremaciaj unuiĝoj** decidis la 29. aŭg. en Düsseldorf la eldonon de fakgazeto en Esp. La financan bazon por la gazeto kreis grandindustriisto en Usono.

(Laŭ Heroldo.)

## Kongreso de la policistaroj en Berlin.

La prez. de la kongreso, policprez. en Wien d-ro Schober, deklaras, ke li pro la graveco de la E.-movado en la mondo instalis kurson por la Wien-a policistaro, kvankam jam estas 400 esp.-istoj inter ili. Ankaŭ la kongreso ekkoninte la valoron de E. por la reciprokaj rilatoj inter la diverslingvaj registaroj helpos ĉiamaniere.

## Esperanto — instrufako en burĝlernejoj de Wien.

En kelkaj Wien-aj gazetoj oni legis sub tiu titolo: „Por doni al la lernejanaroj la eblon, ke ili povu lerni iun fremdan lingvon jam dum sia normala lerntempo, la komunuma konsilantarkomitato por ĝeneralaj aferoj de l' administrado de urbo Wien decidis, instali en 13 burĝlernejoj de Wien E.-kursojn efektivigotajn dum la nuna instrujaro.“

Tio estas la rezultato de la propono farita la 26. junio je instigo de „Esp. Org. de la ofic-havantoj de urbo Wien“ (instruista sekcio sub la prezido de burĝlernej-direktoro R. Spinka) en la konferencoj de la burĝlernejgeinstruistoj. R. M. Frey-Wien.

---

# Niaj idealoj kaj la vivo.

De prof. d-ro Cölestin Schoiko en Melk.

Nia majstro senĉese akcentas en siaj admirindaj kongresparoladoj la internan ideon de l' Esperantismo, t. e. ideon de l' frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj. Li nomas ĝin la idealo de l' Esperantismo, la stelo brilanta tra densa mallumo, kiun ni devas fidele sekvi. Li eĉ ne hezitas diri: „Kun tia Esperanto, kiu devus servi ekskluzive nur al celoj de praktika utileco, ni volas havi nenion komunan!“ (Ĝenevo 1906.)

Kaj tamen ankoraŭ ne ŝajnas, ke ni proksimiĝas al ĉi tiu idealo! Ĉu tio estas nur nia kulpo? Eble, eble ne; pli eble ne! Schiller plendas en sia belega poemo „La idealoj“, ke ĉio bela fariĝas viktimo de la kruela realeco. Kaj vere: la idealoj ja ne estas la vivo! Ili ja alte staras super la vivo kaj montras al ni nur la

vojon; ili fakte similas al stelo lumanta al ni tra la nokto de l' vivo. Eĉ kiam ni penas per tutaj niaj fortoj, por atingi la idealon — ĉiam la vivo devigos nin fari kompromison inter la idealo kaj realeco. Sed la plej valoraj fruktoj de ĉi tiu konflikto inter ideo kaj realeco estos la sperto, la natureco de l' vivo kaj saĝa juĝo de l' maljunstato. Se ni nur volus aspiri la idealojn, ignorante la realan mondon, ni estus sendube nepraktikaj revuloj! Edmond Privat iam trafe diris: „Se la esperantistoj (t. e. la praktikuloj) ĉesus labori, la teoriuloj (t. e. la idealistoj) povus tuj fermi la butikon!" *) Sed danke al Dio, nur tre malmultaj homoj taŭgas por revi dumvive, kaj havas la monon por tio!

Ĉu ni do forĵetos ĉiun idealismon kiel sensencan? Ne, milfoje ne! Ni laboru por la disvastigo de Esperanto praktike uzante ĝin kaj pruvu tiel al la mondo, ke nia mondlingvo ne nur praktikajn, sed ankaŭ etikajn valorojn enhavas kiel interkomprenilo kaj repacigilo de la popoloj, tiam la interna ideo de l' Esperantismo de si mem enradikiĝos en la koroj de l' homoj kaj tiel kondukos la homaron al la sincera paco.

Ni nek devas forgesi la idealon pro la realeco nek la realecon pro la idealo. Nur la senlaca, sur sperto de l' vivo fondita laboro triumfigos nian sanktan aferon. Tion certe sentis nia majstro dirante:

Ni paŝo post paŝo, post longa laboro atingos la celon en gloro!

*) „Du vojoj al mondlingvo" (v. la gazeton „Esperanto" de februaro 1926).

## Lingvaj babilaĵoj.

De F. Bock-Wien.

(Daŭrigo.)

2. Por kelkaj propraj nomoj, geografiaj kaj personaj, Esperanto preparis al si specialajn formojn, ekzemple Parizo, Danubio, Ludoviko ktp. Eble ekzistas cento da ili kaj verkistoj de lern- kaj legolibroj ĝenerale kutimas libere operacii kun ili, ŝajnigante kvazaŭ la afero estus tute simpla: mi konas Parizon, mi vojaĝos Parizon, ŝi amas Ludovikon, ktp. Vana iluzio! Dekmiloj da propraj nomoj ne ebligas Esperantigon, eĉ ne pretiĝas al la alpreno de la substantiva finiĝo o, ekzemple: Bordeaux, Firenze, Plymouth, Anna, Grete ktp. Oni ja ofte instruas, ke propraj nomoj povas konservi siajn naciajn formojn, sed laŭ mia scio oni preskaŭ neniam parolas pri ilia akuzativo. Ĉu sekvante Bennemann kaj aliajn, oni efektive diros: mi konas Limoges-on, Oviedo-n, Cordoba-n, Bordeaux-'n Dachaun-'n? Tio ja estas ridindigaj groteskaĵoj. Ne, estas nenia alia helpo ol deklari: ĉiuspecaj propraj nomoj, konservantaj sian nacian formon, estu neflekseblaj: Bordeaux estas granda urbo, mi jam vidis Bordeaux, mi vojaĝos al Bordeaux. Oni ne plendu, ke jen escepto de regulo, ĉar Bordeaux, Plymouth ktp. ja ne estas Esperantovortoj!

3. Kio estas antaŭnomo? Certe nenio alia ol nomo, kiu staras antaŭ alia nomo. Same „interspaco" estas spaco troviĝanta inter io alia. Laŭlogike en tiaj kunmetaĵoj la dua vorto devas konservi sian signifon, dum ke la unua ĝin nur determinas aŭ iom specialigas. Ĉu do ne estas kontraŭlogike, uzi „intermonto" en la senco de „Paß" kaj „ĉirkaŭkolo" en la senco de „Halsband"? Ĉu „monto" povas ĉesi, esti „monto" kaj „kolo", esti „kolo"? Mi malamas „ĉirkaŭbrako" kaj „ĉirkaŭmano" = Armband, „ĉirkaŭkolo" = Halsband, „subtegmento" = Dachboden, „survango" = Ohrfeige, „interpaco" = Waffenstillstand. Sekvante tiun vortformadon oni fine ankaŭ diros „surkapo" = Hut, „antaŭvizaĝo" = Maske ktp. Jam delonge oni evitas ekzemple „centjaro" = Jahrhundert anstataŭ „jarcento"; „porkviro", kiu pli bone esprimus „Schweinekerl" ol „Eber". Oni klopodu eviti ĉiujn tiajn vortformaĵojn kaj oni facile trovos rimedojn.

(Daŭrigota.)

**Esp.-istaj sciencistoj kaj teknikistoj** aliĝu al **Int. Scienca Asocio!** 35 Rue du Sommerard, Paris V. Kotizo: 0·5 aŭ 2·5 Dol. laŭvole.

## Sinceran dankon

al la italaj samideanoj, speciale al s-roj Dott. A. Ghez en Trieste, direktoro F. Pizzi en Venezia kaj Rag. A. Blasimme en Roma, kiuj afable estis helpemaj al ni kaj agrabligis nian restadon en Italio. Ni neniam forgesos ilin!

Fratinoj Cipera el Steyr kaj Pilsen.

## AŬSTRIA ESPERANTO-DELEGITARO

# Tutaŭstria Laborkonferenco en Wien.

3an de okt. 1926.

AED.-prez. Steiner (St.) malfermas je la 9·20. Oni konstatas, ke neniu delegito el la provinco ĉeestas, kaj decidas, prokrasti la konferencon ĝis la 31. X. kaj 1. XI. St. esprimas funebron pro la morto de s-ano Steinhauer, unu el la unuaj kaj plej viglaj pioniroj en Wien. (Ĉiuj leviĝas.) Plue li petas konsenton, sendi gratulleteron al d-ro prof. Dietterle, la granda pioniro en nia kara Germanlando, kiu estiĝis 60 jara. (Konsentita.)

La forirantojn renkontas la samideanoj, kiuj alvenis el la provinco, oni parte revenas kaj la prez. post kelka disputado malfermas la duan fojon la konferencon.

Ĝen.-sekr. Ĉech konstatas la reprezentadon de jenaj societoj. El la provinco: Esp.-soc. p. Stirio, Graz kaj Leoben (Mader, Rogler), Hainfeld kaj St. Pölten (Goldmann), Korneuburg (Taussig), Krems (Brenek), Linz (Bürger), Salzburg (prof. d-ro Christanell); el Wien: Unuiĝo (Braun, Mayrleb), Eld. kooperat. de E. (Ĉech), Danubio (d-ro Pfeffer), E.-org. de ofic-havantoj de urbo Wien (Bernfeld, Feder, Frey), Aŭstr. Pacif. E.-soc. (Klausnitzer, Sperling), Fideleco (Mair), Verda Angulo (Zeilinger), Kulturo (Werner), Polica E.-unuiĝo (Mitterhofer).

St. prezentas la tagordon, publikigitan en AE. 7 kaj 8/9. Ĉar St. certe devos multe raporti kaj paroli, oni en konsento kun St. tuj proponas, ke prof. Christanell (Ch.) prezidu la konferencon. Akceptita. Ch. ekprezidas.

P. 1. St. koncize parolas pri la okazintaĵoj post la bone sukcesinta kongreso en Graz, kies laborojn ankaŭ dir. Hans Jakob-Ĝenevo bonege aprobis. Li vizitis propagandcele Paneŭropan Union, Fremdenverkehrsbüro, Verkehrswerbungsges., d-ro Buresch, ĝen.-dir. d-ro. Maschat, ĝen. dir. Hoheisl kaj aliajn. Propagandvojaĝo bone sukcesis en Hainfeld, Salzburg kaj Innsbruck. „Bundesbahnen de nun sendos al mi regule informojn pri novaĵoj, kiujn mi tradukos kaj sendos al ‚Heroldo'. Mi sukcesis, denove ricevi la lastjaran grandan rabaton ĉe luo de loko por afiŝoj en la stacidomoj de Wien kaj alie. La grupoj de A. L. L. E. konsentis partopreni, S. E. F. A. ne respondis la inviton. Mi ankaŭ provis flanke de A. E. ricevi de eminentuloj respondon je la demando ‚Kiel vi pensas pri E.?' kaj alvenis leteroj de ekskanceliero d-ro Seipel, prez. de Nationalrat Miklas, ministro por instruaferoj d-ro Rintelen, Nat.-Rat Tomschik, prez. de l' akademio de sciencoj univ.-prof. d-ro Redlich, iniciinto de la ‚Paneŭropa Unio' grafo Coudenhove-Kalergi, prez. de Stadtschulrat Wien Nat.-Rat Glöckel, polic-prez. d-ro Schober, ekskanceliero d-ro Renner." La „Labor. Esp. kristana" aranĝis propagandsemajnon 28. IX. ĝis 3. X. kaj hodiaŭ teatraĵon „Esperanto triumfas"; gratulon al s-ro Bischoff pro liaj klopodoj. A. L. L. E. rifuzis proponon pri komuna agado ĉe Ravag (Tamen, en la provinco plejofte la grupoj de A. L. L. E. kunlaboras kun la neŭtralaj grupoj). Ch. dankas al prezidanto St. Estas akceptata propono Mader (Ma.) kun aldono de d-ro Pfeffer (Pf.): „La laborkonf. postulas de la direktantaro, ke invitoj kun la programo kaj protokoloj, ankaŭ de direktantarkunsidoj, nepre estu dissendataj ĝustatempe al ĉiuj, ankaŭ la provincaj anoj de la direktantaro, al la landestroj kaj al la provincaj grupestraroj. Same la nekonfidencia parto de la protokoloj devas esti publikigata en la oficiala organo de AED., almenaŭ laŭsence, se laŭvorta represo pro manko je spaco estas malebla."

Ĉech mallonge raportas pri la forigita „krizo". Ma.: Konfliktoj ne necesas. La provincanoj ne devas suferi pro Wien-aj aferoj personaj! Plue li korektas, ke li en la konf. 1. aŭg. ne estis oficiala reprezentanto de grupo Graz, sed nur observanto.

Kasisto Braun raportas pri kasostato (S 40·89) kaj admonas la ne pagintajn grupojn je pago.

P. 2. Ekspres. de landestraro Wien, s-ro Smital, raportas pri la kaŭzoj de sia memeksigo. Fino je la 12·30.

Posttagmeze komenco je la 14·40.

P. 3. St.: La kongreso en Graz konsentis la decidon de AED.-direktantaro, konfirmita en Locarno kaj de Ĝenevo: „Neidentigo kun la movado, sed reciproka subteno." Werner petas, ke la konf. komisiu prof. Jokl, paroli ĉe Paneŭropa Kongreso. Oni decidis, ke prof. Jokl ricevas de la konf. la permeson, paroli en E. pri E., sed ne la rajton, paroli en la nomo de la Aŭstria aŭ Wien-a esp.-istaro.

P. 4. St.: Radio-Wien ne estas favora al E. Oni faru petskribojn dum la grupvesperoj (laŭ AE. 6), kiel la grupoj ekster Wien jam faris. Mi sukcesis instigi gravajn personojn kaj estrarojn al nia subteno.

P. 5. Prokrastata. P. 6. Pf.: Oni popularigu E.-on prese. Pluaj projektitaj eldonaĵoj ĉe „Neues Wr. Tagblatt“: Konversacia. komerca libroj, paroladoj de Zamenhof. Proponas aboni „Pressedienst d. Deutsch. E.-Bundes“ kaj sendi ĝin al la grupoj por enpresigo en la lokaj gazetoj. Akceptita.

P. 7. Estas forlasita. P. 8. Propono Ma., ke la grupoj pagu ankaŭ por la nuna jaro Ŝ 3·— po delegitrajto estis akceptata.

P. 9. Ma.: Ĉar s-ro Steiner ne plu volas akcepti la prezidantecon, la grupoj ekster Wien, „Ofic-havantoj“ kaj „Pacifista“ proponas jenan liston: „Prez. Christanell; vicprez. Mestan, Blaas; sekr. Feder. Bernfeld, Mader; kas. Goldmann, Braun, Ultmann; gazetservo Pfeffer; ‚Aŭstria Esp.‘ Steiner; reviz. Mair, Oberndorfer.“ — Braun deklaras, ne akcepti plu la oficon de kasisto. St. ne volas akcepti plu ian indon en AED. D-ro Pf. dufoje petas deziresprimon de ĉiuj liglandaj esp.-istoj kaj mem petas, ke St. kiel redakt. de la oficiala organo estu membro de la direktantaro. St. fine konsentas. Anstataŭ Braun oni proponas kiel kasiston Mair kaj kiel reviz. anstataŭ Mair s-ron Klausnitzer. Akceptita.

P. 10. Sonnenfeld: Oni elektu redaktan komitaton por la oficiala parto en „A. E.“. Ma.: „Tiu parto estu redaktata de la sekretariaro de AED.“ Post diskuto, en kiu oni konstatis, ke AE. estas propraĵo de St., oni akceptas proponon Ma.: „La direktantaro estas komisiata, aranĝi interkonsenton konfirmotan de la grupoj.“ St. promesaldonas, ke li ankaŭ plu helpos. D-ro Pf. proponas, ke ĉiuj membroj propagandu en siaj rondoj por AE... St. aldonas, ke en Wien certe pli ol 200 grupmembroj ne estas abonantoj de AE.

P. 11. Neniu propono. Ch. fermas la konf. je la 17a kun dankvortoj.

## Kursoj gvidotaj:

**Hainfeld:** Instruisto Wandl 3.
**Innsbruck:** D-ro Blaas 3, s-ro Bauer 1 por tramvojistoj, s-ro Kühbacher 1 por komencantoj kaj progresintoj.
**Korneuburg:** S-ro Steiner 1.
**Krems:** F-ino Prokopp 1, krom la kursoj en burĝlernejoj.
**Ried:** Fakinstr. Jungschaffer, 24 partopr.
**Salzburg-Parsch:** Prof. d-ro Christanell en Borromeum 1 por komencantoj, 2 por progresintoj.
**Wien:** Pli ol 20 kursoj. Ni raportos post komenco pri ili.

## Hejmŝanĝo.

Unua E.-Unuiĝo transloĝiĝis en novan kunvenejon I. Schellingg. 7 (Schellinghof), kie ĉiun vendredon je la 7·30 oni kunvenas. La okazontaj paroladoj estos de nun **nur** publikigataj en la ĉefaj gazetoj de la sama tago.

---

## La ŝtataj ekzamenoj

komencos la 8-an nov. matene je la 8-a per la skriba ekzameno en la domo de „Lehrerinnenbildungsanstalt“ Wien, I. Hegelg. 14. La dato de la buŝa kaj praktika ekzamenoj estos sciigata al la ekzamenaspirantoj.

La petskriboj pro partoprenpermeso al la ekzamenoj kun la aldonoj (v. A. E. n-ro 5/1925) kaj stampo (1 Ŝ.) estu prezentataj ĝis plej malfrue la 20-an okt. al la direkcio de la ekzamenkomisiono, Wien, I. Burgring 9 (Stadtschulrat), ĉambro 53.

La ekzamenkostoj da 20 Ŝ. resp. 10 Ŝ. estas pagotaj antaŭ komenco de la skriba ekzameno.

Listo pri la verkoj rekomenditaj por la preparo al la ekzameno kune kun la ekzamenregularo kaj preciza informo pri la ekzamenpostuloj estas ricevebla ĉe Bundesverlag, Wien, I. Schwarzenbergstrasse 5 aŭ post alsendo de Ŝ. 1·70 de la ekzamenkomisiono.

## Propagandvojaĝo.

**Hainfeld:**

La 12-an sept. la nova grupo aranĝis ekspozicion sub ĝia estro instr. Wandl subtenate de l' prez. de AED. Steiner, kiu alportis la tutan materialon. Bonega sukceso! 3 kursoj ekfunkcias. Wandl-Hainfeld.

**Salzburg:**

Ĉefinsp. Steiner, prez. de AED., vizitis nin la 18-an sept. Vespere li ĉeestis nian grupkonvenon; sabate li vizitis kelkajn eminentulojn kaj preparis ekspozicion en la granda desegna salono de reallernejo. Dimanĉe je la 10-a li paroladis pri la „Nuna stato de la E.-movado“. La ekspozicion vizitis inter aliaj vicIandestro Robert Preussler, landa lernejinsp. Hofrat d-ro Stummer, policdir. Hofrat Steinhäusl, polickonsilano Edelmayer el Steyr, Hofrat d-ro Moser, prez. de l' Radioklubo, konstruuzinestro Ob.-Baurat inĝ. Thaller kaj inĝ. Lorenz. Ili miris sin informante dum la gvidado pri la progresoj de E. kaj promesis subtenon. Ĉiuj gazetoj raportis. Do, ni samideanoj en Salzburg ŝuldas dankon al s-ro Steiner pro liaj penadoj kaj esperas, ke ili maturigos bonajn fruktojn.

d-ro Fr. Christanell-Salzburg.

**Innsbruck:**

La 23-an sept. E.-ekspozicio aranĝita de l' red. kaj prez. de AED. Steiner, dank' al ties klopodoj bone sukcesis. La antaŭan tagon

s-ro Steiner vizitis nombron da eminentuloj invitante ilin al la aranĝo. Vicurbestro Fischer protektis la aranĝon kaj disponigis salonegon por tiaj celoj nefacile haveblan sen eminenta subteno. Ke la oficialuloj en la ĉefurbo de Tirol nun ekinteresiĝas favore por nia afero, pruvis la ĉeestantaro dum la solena malfermo: Vicurbestro Fischer, ĉefo de la poŝtdirekcio Hofrat d-ro Zingerle, landa ĝendarmarestro Walter kun sia anstataŭanto Ebenhöh, univers. prof. d-ro Micoletzky, landa lernejinsp. Hofrat d-ro Müllner, dir. d-ro Endisch, urba lernejinsp. Kofler, burĝlernejdir. Berninger, deputitoj Jäger kaj Rendl, d-ro Lorenz por la komerca ĉambro, la red. de „Innsbrucker Nachrichten" kaj de „Innsbrucker Volksblatt". Viclandestro d-ro Peer senkulpigis sin.

Ĉi tieaj gazetoj, eĉ iam kontraŭaj, detale raportis pri la sukceso kaj speciale, ke vicurbestro Fischer malfermis solene la ekspozicion akcentinte la utilecon de E. ankaŭ el nacia vidpunkto kaj sian favoron al nia movado. Ni esperas, ke tiu „vekiĝo" prosperigu viglan laboron kaj iom kompensu la aranĝinton, kiu oferas sin mem por nia ideala afero.

d-ro Blaas-Innsbruck.

Dankon! Koran dankon al la samideanoj, kiuj helpis bonsukcesigi nian propagandon. Speciale mi devas atentigi pri la senlaca helpo de du bulgaraj samideanoj Drensky kaj Welkoff en Innsbruck, kiuj kun d-ro Blaas laboris tage kaj nokte. Steiner.

## Sankta Hildegardo-soleno.

La 26-an sept. la A.K.L.E.-anoj festis la solenon de sia patronino, la Sankta Hildegardo. La diservon en Minoriten-preĝejo-Wien kun prediko de lia moŝto prioro kaj dekano W. Nedwid kaj sankta meso (meskanto de Schubert kaj Hildegardo-kanto de s-ano L. Chiba) kaj la festkunvenon en la paroladsalonego de „Kath. Volksbund", kie pastro Fr. Meŝtan parolis pri sankta Hildegardo, la fama germana profetino, ĉeestis multaj personoj. S. Hildegardo per sia kreitaĵo de „lingua ignota" (unbekannte Sprache) jam en la 12-a jarcento eklaboris je la ideo de artefarita helplingvo, je problemo, kiun nia majstro d-ro Zamenhof per sia Esperanto tiel bonege solvis.

P. Fr. Meŝtan-Wien.



## Koregan gratulon

al la eminenta samideano s-ro

**d-ro Johannes Dietterle**

direktoro de „Germana Esp.-Instituto", kiu antaŭ kelkaj tagoj iĝis

**60 jara.**

Li ankoraŭ dum multaj jaroj povu daŭrigi sian modelan agadon en nia movado!

La red.

## Hugo Steinhauer,

fervoja ĉefinspektoro, longjara ano de la „Unua Esperanto-Unuiĝo de Wien", ĝia eksprezidanto kaj honora membro, mortis subite la 9-an de septembro.

Jen unu inter la plej bonaj, kiun la senkompata morto forŝiris el nia vicaro de pacaj batalantoj, postlasinte breĉon malfacile replenigeblan. Kiel homo kaj samideano egale ŝatata kaj amata de ĉiuj, kiuj lin konis, bonkora, helpema kaj ĉiam gajhumora, la kara mortinto estis fervorega pioniro de nia movado, al kiu li, ankaŭ pro siaj eminentaj kvalitoj kiel kursgvidanto, sukcesis varbi ĉiam novajn adeptojn.

Ripozu dolĉe, karega amiko, la gesamideanaro fidele konservos al Ci vivdaŭran memoron.

## Al la grupo en Salzburg!

Ni esprimas al vi nian kondolencon pro la perdo, kiun vi suferis per la feliĉiga edziniĝo de f-ino Schönau. Al la geedzoj nian tutkoran gratulon La red.

## Instruistoj!

Instruu en viaj kursoj laŭ senpera metodo kaj uzu „Aŭstria Esperantisto". Malnovaj gazetoj po 40 gr. (Vi ricevos krome 33 % rabaton). Abonigu viajn lernantojn. Jarabono S 4.20 + 10 gr. afranko (por vi 15 %).

Esperanto-Fachgruppe des T.-V. „Die Naturfreunde", Wien, veranstaltet folgende Ausflüge: 24. X. Ramaseck; 31. X. Troppberg. (Wegen Auskünften s. A. E. Nr. 8/9.)

## Rimarkindaj Presaĵoj.

### El la eldonejoj:

**Österr. Schulbücherverlag, Wien:**

**Franz Wollmann, Lehrbefähigungs-Prüfungen Englisch, Französisch, Italienisch, Esperanto,** 32 pĝ., prezo S 1·50.

Tiu ĉi grava verketo de la landa lernejinspektoro Hofrat d-ro Wollmann, direktoro de la ŝtataj ekzamenkomisionoj por popol- kaj burĝlernejoj kaj por Esperanto en Wien, estas destinata por la instruistaro kaj enhavas 15 pĝ. por la 3 naciaj lingvoj kaj 12 por Esp. Ĝi estas nemezureble valora por nia movado en Aŭstrio, ĉar la belega enkonduka artikolo certe konvinkos la aŭstrian instruistaron pri la graveco de E. R. M. Frey-Wien.

**Tabeloj por intua instruado de Esperanto** en lernejoj kaj kursoj de Francisko Meŝtan, 10 folioj 17/22 cm, eldonita de l' aŭtoro en Wien, VIII., Piaristengasse 43. — La ĉiam pli granda intereso, kiun la publiko montras por Esperanto, necesigas lernilojn, per kiuj oni povas klarigi en facila maniero la diversajn partojn de la gramatiko kaj vortfarado kaj per kiuj ĉe la ripetado oni tuj rememoras la lernitajn partojn. Tiujn ĉi lernilojn ni trovas en la sur bona kaj dika papero presitaj instrutabeloj, verkitaj de bonfame konata F. M. En genie elpensita, klara kaj bontaŭga aranĝo li prezentas la tutan instrumaterion. Ĉar la plej multaj homoj ja estas disponitaj ankaŭ al pervida percepto, tiu ĉi tabelaro, utila por instruado pervida, estos certe bone akceptata en kursoj kaj lernejoj kiel instruilo, por komprenigi pli facile kaj daŭre memorigi la vortformojn kaj la vortfaradon de Esperanto. Ĝi sendube helpos al la komenca instruo. Tial ni deziras al ĉi tiu verko, la frukto de longa pripensado kaj instrulerteco, plej grandan disvastigon en la rondoj de instruantoj kaj lernantoj. Dezirinde estus ankaŭ baldaŭa eldono de la samaj tabeloj en granda formato, por pendigi ilin sur la murojn de la instruĉambroj.

Schamanek-Tullnerbach.

**Ellersiek & Borel-Berlin:**

**D-ro A. Möbusz, Universala E.-Lernolibro.** Parto Ia por kursanoj, 116 pĝ., prezo Rm. 2·—. IIa por kursgvidantoj, 32 pĝ., Rm. 1·50

La libroj ne enhavas nacilingvajn tekstojn; ilin povas uzi lernantoj el ĉiuj nacioj, se ili estas instruataj de lerta, pri la E.-movado bone instruita esp.-isto. Aranĝo kaj tekstoj estas la samaj kiel en la 5-a eld. de M. „Vollst. Lehrbuch“. Ĉiu el la 14 lecionoj enhavas konversacion pri de la kursano konata temo, parton de la vortfarado kaj gramatiko kaj vortaron por la legaĵoj ktp. 42 taskoj kaj 10 pĝ. aldono prezentas riĉan materialon. Krom tio estas en la libroj 80+90 informoj kaj konsiloj por plia ekzercado. Eĉ la ofte uzataj de la Akademio ne akceptitaj afiksoj mis, end, oz estas klarigataj; mankas la plej nova ism. Multa spaco estas por noticoj. Kun kia granda zorgemo M. laboris, montras la libro. Mi trovis nur unu preseraron (pĝ. 65 „ĉi tiu“). Prave M. diras: „Nun komenciĝas nova periodo, kiu postulas grandan nombron da lertaj kaj spertaj esp.-istoj, ne nur laŭ nomo, sed laŭ scio kaj povo. Por eduki tiajn, mi verkis mian lernolibron. Nova periodo postulas novajn rimedojn, ankaŭ reformotajn instrumetodojn. Tion montras ja la pedagogio“. Tial li verkis la duan parton por kursgvidantoj. Tiu libro estu en la manoj de ĉiu instruanta esp.-isto!

Schamanek-Tullnerbach.

**„Legolibro“, unua volumo; Internacia anekdotaro; P. William;** Nova E. Biblioteko, No. 7; 0.80 orm.

Ĝenerale mi ne ŝatas longan serion da anekdotoj, kiu spicante la homan spiriton per spritaĵoj tro ofte — kaj ofte tro sammaniere — enuige lacigas ĝin kaj tedadas. Tamen tiu libreto afable prezentas el fontoj neelĉerpitaj bonhumoraĵojn en moderna brila stilo, tekston tre rekomendindan por kursoj perfektigaj, dum kiuj la novaj adeptoj jam sopiretas al pli interesa legaĵo, kun abundo de kvankam tuj kompreneblaj, sed ne troveblaj en ilia lernolibro vortkunmetaĵoj de l' eleganta lingvo.

**Elektitaj poemoj de Heine,** trad de Pillath; N. E. B. No. 6, 46 pĝ.; Rm. 0·70.

Dua, kompletigita eldono de diversepokaj perloj de l' delikatsenta poeto. La tradukinto — nun jam tre konata sub la pseŭdonimo Zanoni — plaĉe, bonritme kaj — rime prezentas ilin al ĉiuj poeziuloj. La poemaro estas — laŭ Maria Hankel — „la plej efika pruvo por la beleco de nia lingvo“. Malnecesas aldoni eĉ vorteton!

d-ro Blaas-Innsbruck.

**Heroldo de Esperanto-Horrem:**

**La alta Kanto de la Amo.** Laŭ malnova legendo rekantita originale en Esperanto de Teo Jung. Premiita per la Natura Floro ĉe la 12aj Internaciaj Floraj Ludoj.

Emocia rakonto pri oferema amo de edzino Bel-Krimhildo, kiu, alivestita laŭ kantisto, migris eĉ ĝis malproksimega Turkujo, por liberigi sian edzon, la kruckavaliron Konrad, el la kaptiteco. — Molaj, facile fluantaj versoj (kvarpiedaj trokeoj) prave meritigis la poeton, ricevi la dediĉitan premion. Nur unu dubon mi havas, nome, ĉu „trobadoro“ aŭ „trubaduro“ estas la ĝusta esprimo; kaj Christaller kaj Bennemann elektis la lastan; — kaj plue ĉu multaj legontoj divenos, ke „Krescento“ signifas duonlunon.

La tre bela poemo indas ankaŭ laŭ sia plaĉa eksteraĵo ornami ĉiun salontablon.

H. Zwach-Wien.

**Hirt & Sohn-Leipzig:**

**Enciklopedia vortaro;** III. volumo. Wüster. Daŭrigo de Esperantologiaj principoj; vortaro de „Folio“ — „Iri“. Rm. 15·—.

Pli kaj pli montriĝas la grandioza verko. Neniu varbilo kapablas tiel konvinki lingviston aŭ homon, kiu pridubas la lingvan taŭgecon de nia idiomo, pri la progreso, vivo kaj precizeco de E., ol tia vortarego. Ne nur la abundo de l' esprimaĵoj — krom sciencaj terminoj la kompleta aro de kunmetitaj vortoj de la komuna lingvo — vere mirigas, sed la diligenteco senlaca de l' aŭtoro, kiu gramatike, historie, literature elĉerpadas ĉiun angulon de nia lingvo kaj science ordiginte ĉion prezentas al ni la ĉiam vastiĝantan riĉegecon, tamen bazantan sur simplaj, logike formantaj reguloj. Speciale atendinda esploro pri la derivo de E. propraj nomoj kaj — obeanta la saman principon — de vortoj objektaj el la laŭfonta lingvaro, en la „E.-logiaj principoj" malkaŝetas al ni perspektivon de la aŭtoro al estonta evoluo de nia lingvo. — La prezo, laŭ la sumo iel konsterna, ekŝajnas bagatela laŭ la penado utiligita kaj valoro enhavata. Ĉiu grupo almenaŭ, poparte, t. e. po volumo, aĉetu la enciklopedion — trezoron nemalhaveblan!

**Palaco de danĝero,** de Mabel Wagnalls, trad. el la angla Edward S. Payson. 206 pĝ. Rm. 6·—.

Unu el multaj rakontoj, romanetoj, el la vivo de Madame Pompadour, la altranga konkubino de reĝo Louis XV. de Francujo. La leganto rigardas kaj aŭskultas vivadon kaj konduton de korteganoj tiamaj, ĝojas pri naiveco de junulino ne dronanta en la malpura medio naskonta revolucion, vibre atendas la evoluadon de amo, elkreskanta el suferegoj ĝis fina triumfo, kaj — dankas la lertan tradukinton, prezidanton de la E.-Asocio de Nordameriko, kiu per sia stilo sen „anglismoj" tre faciligas la ĝuon kaj ĉarmon de la legado. Mi riproĉetas nur, ke la neoficialaj vortoj, inter ili parteto netrovebla en vortaroj al ĉiu haveblaj, ne estas klarigataj en la libro. La ofte uzata radiko „agiti" miaopinie konvenas por politika esprimo, sed ne taŭgas por stato de l'animo. Artikolo antaŭ propraj nomoj estas forĵetinda. La preferon de „returne" (al „returnen") montris jam Zamenhof. „Vipuro", ne „vipero" estas laŭ lasta esploro la sola oficiala formo. Bela aspekto de la libro bindita, bonaj papero kaj preso laŭ kutimo de firmo Hirt & Sohn. d-ro Blaas-Innsbruck.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Bürggasse 16, Gasthof (gastejo) „Altes Stadttheater", Di (m) 20—23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20—22 h.

Esperanto-Klub, Gasthof „Goldener Greif", bei der Triumphpforte, Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Aŭstria Katolika Ligo Esperantista, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17—19 h.

I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 7, Schellinghof, Fr. (v) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Do (ĵ), 19—21 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, Di (m) 17—19 h.

„Konkordo", V., Margaretenplatz 4 (Terrassencafé), Do (ĵ) 19—22 h.

Esp.-societo „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.

Akademischer Esperanto-Verein, I., Universität. Zusammenkunft wie (kunvenejo la sama kiel) „Danubio".

Esperanto Bücherstelle d. Freien Esp. Arbeitsgemeinschaft, VII., Lerchenfelderstr. 23; Auskünfte (informoj) Täglich 18—19·30 h.

Esp.-Bildungsverein „Supren", VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.

Esp.-Unio Fervojista, XIV., Avedikstr. 2, Di (m) 19 h.

Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.

Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16—19 h.

Esp.-soc. „Kulturo", XVIII., Kreuzgasse 34, Café Hildebrand, Di (m) 19·30 h.

## Rekomendindaj firmoj.

E. signifas, ke oni parolas E.-on.

**Graz.**

Café = kafejo:
„Post", I. Haring, Neutorgasse.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.

**Wien.**

Elektrotechniker = elektroteknikisto:
Herm. Heutler, (E), VIII., Pfeilg. 53, tel. 22096.

Kleider, auch nach Maß = vestoj:
Alfred Mährischl, XII., Giersterg. 6.

Pension = pensiono:
„Esperanto" (E), IV., Argentinierstr. 53, Mezz., tel. 52740.

Versicherung = asekuro:
F. Strubecker (E), III., Schützeng. 3, kunlab. ĉe asekurentrepr. „Janus", fond. 1824.

Zuckerwaren = sukeraĵisto:
Franz Prohaska, XII., Premlechnergasse 21.

V. b. b.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.